

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XX - Nº 254 Novembro-Decembro 1982

# 24-a Kataluna E-Renkontiĝo

Pastro Manuel Casanoves (Prezidanto de K. E. A.) salutas la Urbestron de Reus.

## BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Directora: María Aurora Viloria Nieto

DIRECCION Y ADMINISTRACION

Dos de Mayo, 4 - VALLADOLID-4

REDACTOR-JEFE

Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40
Tfno: (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION

Giordano Moyá
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora y Arana
Pedro Nuez
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Aduriz


# ENHAVO




Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid


# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

**Prezidantino**

Maria Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12, 2º C
VALLADOLID-11

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde, 8, 8º A
VALLADOLID-14

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana 6
Av. Vicente Mortes
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

José González Suárez
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

Pagoj por libro-servo sendu al unu el la jenaj kontoj:

Cuenta Postal 3.118.078

Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cta. Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO
VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35, 4º
ZARAGOZA-1

ĈEFDELEGITO DE U.E.A.

Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila, 127, portal 7, 2º Iz
Tfno: (942) 339487
C. Postal: 03548531
SANTANDER

H.E.J.S.

Atocha, 98, 4º
Tfno: (91) 2308798
MADRID-12

# Antaŭ la 43-a Hispana E-Kongreso



## Palaco Aljaferia

Unu el la plej belaj vidindaĵoj kiun, preskaŭ certe, vizitos en Zaragoza la kongresanaro kiel invititoj de nia Urbestraro, estas tiu bela palaco, kiun la terura nescio de pasinta elito de malkleraj politikuloj preskaŭ detruis.

Antaŭ kelkaj jaroj, aliaj homoj kun novaj ideoj kaj vigla spirito, amantoj de Kulturo kaj Arto, komencis la gravan taskon forpreni ĝin de tiuj sovaĝaj manoj, kaj rekonstruis tiun-ĉi juvelon, estantan unika ekzemplero el sia epoko. Iom post iom, laŭ la riparado, reaperas la belegaj originaj profiloj kiuj ravis tiujn muzulmanajn kaj katolikajn reĝojn kiuj destinis ĝin kiel propra sidejo.

Interesa, kiel la palaco mem, estas la historio de tiu konstruaĵo, kiun ĉi sube kolegino nia rakontas al ni.

Ĝi estas la nura monumento preskaŭ kompleta kiun oni konservas en la muzulmana arkitekturo de la «Tajfaj» regnoj, kio valorigas ĝin signifoplene por prijuĝi la hispanan muzulmanan arton.

Tiu ĉi konstruaĵo datumas de la duono de la 11-a jarcento kaj estis konstruita sub la ordonoj de la dua reĝo de la Zaragoza «Tajfo» Abu Jafar Ahmed Almoctadir bilah. Oni ĝin konstruis kiel distran vilaon aŭ «amuzan domon» kiel laŭvorte oni ĝin nomis. Eble situanta laŭlonge kaj en centro de ortangula korto, en kies malpli gravaj flankoj ekzistis du grupoj da salonoj okupantaj unu solan etaĝon, faritan el malbonkva-

litaj materialoj, briko kaj gipso precipe, kaj ŝtono por la ekstera ĉirkaŭmuro.

Post la konkero de Zaragoza fare de Alfonso la I-a en la jaro 1118-a la Aljaferia Palaco restas kiel sidejo de la kristanaj monarkoj, kiuj ofte remodeligas kaj ampleksigas ĝin surmetante novan etaĝon sur la muzulmanan konstruaĵon. La plej grava el tiuj konstruaĵoj fariĝis dum la regado de Petro la IV-a en la XIV-a jarcento, kaj precipe dum la regado de la Katolikaj Gereĝoj je la fino de la XV-a jarcento. Dum tiu kristana epoko, la Aljaferia estis scenejo de multnombraj festoj, oni scias ke tie estis eĉ «kolekto de sovaĝaj bestoj». Post tiu hela epoko ĝi estis sidejo de Inkvizicia Tribunalo okupata la palacon ĝis la jaro 1706-a.

Dum la regado de Filipo la II-a oni faris en ĝi fortikigajn konstruojn kun la celo transformi ĝin en citadelon, reage pro la tumultoj okazigitaj de Antonio Pérez. Kaj en la XVIII-a jarcento, dum la regado de Filipo la V-a novaj reformoj ampleksigis ĝin ĝis ĝi transformiĝis en kazernon; tio daŭris ĝis antaŭ kelkaj jaroj kiam oni komencis ĝian riparadon, post la sisteme terura detruo sub la regado de Izabela la II-a.

Nun, la Ĝenerala Direkcio pri Belarto, riparas kaj restaŭras ĝin, kaj iom post iom ekaperas kio estis belega muzulmana palaco. Ĉar jam parte restaŭrita oni povas eniri en la palacon tra hufoferoforma pordo, kalifa pordo, inter du murkuboj. La unuan lokon kiun la vizitanto renkontas estas la tiel nomata korto «San Martín» kun la samnoma preĝejo, dekstre, verko de la XIV-a jarcento ankoraŭ ne riparita, kaj kun mudehara pordo.

Ekde tiu ĉi korto, apud la enirmuro, oni eniras en la tiel nomatan korton de «Santa Isabel» tra tre ornamita triarka pordo. Tiu-ĉi estas la centra korto de la muzulmana palaco. Antaŭe ĝi estis ornamita per du basenoj kaj ĝardenoj. En la suda portiko —maldekstre de la nuna kortenirejo— oni starigas nun la belegajn arkojn plurlobajn kovritajn per riĉegaj dekoraciaĵoj devenantaj el la Provinca Muzeo, kie oni ilin gardadis de kiam ili estis eltiritaj el tiu-ĉi palaco mem. En la norda portiko, estas videblaj la plej grandaj partoj de la riparitaj salonoj: unue, «la granda salono», kadrita de grandaj plurlobaj arkoj kun belegaj alabastraj kapiteloj tajlitaj laŭ la stilo de korintaj kapiteloj. De ĉi tie oni atingas la hejmkapelon, ne ĝuste nomatan moskeo, jam tute riparitan. Oni eniras ĝin tra pordo de hufoferoforma arko, kadrita en ornama profilo, kun abunda dekoracio interne de la arko, kaj ĉirkaŭ ĝi, en la spiraloj kaj triangulaj spacoj, faritaj el speciala ĉizita gipso. Interne, la hejmkapelo estas angulforma. Malsupre ĝi estas tre abunde ornamita per miksliniaj arketoj, escepte de tiu parto kiu respondas al la enirejo kaj al «mihrab-o» aŭ niĉo orientita al La Meko. La «mihrab-o» estas ornamita kaj la arko kiu ĝin kadras estas de kordoba tipo. La dua etaĝo konsistas el malgranda tribuno kun mudeharaj pentraĵoj de la XIII-a jarcento. Ĝi estas kovrita per moderna volbo kun krucitaj arkoj. La kapiteloj estas laŭ kordoba stilo.

Ekde la «granda salono» kaj tra malgranda korto kun miksliniaj arkoj, oni venas en la marmoran salonon, tiel nomitan pro la ŝtonplatoj kiuj kovris la plankon. Jam tre bone riparita, la dekoracio situas sur la supra parto de ties muroj, kun diversaj motivoj, precipe arketoj kaj ornamoj gipse ĉizitaj.

Tra malgranda korto oni venas en

la ĉefturon de la Trobadoro, kie García Gutiérrez malvolvis parton de la agado de sia dramo kaj Verdi tiun de sia opero. Ĝi estis la omaĝa turo, kaj kvankam ĝia konstruo devenas de la IX-a jarcento, oni surmetis novajn etaĝojn dum certa tempo, kiu etendiĝas de la XI-a ĝis la XIV jarcentoj.

Ankaŭ ekde la «granda salono» oni povas eniri en la Palacon de la Katolikaj Gereĝoj: juĝo kaj sagoj kaj la devizo «Tiel rangas», prezentas verandon gipse ĉizitan kun gotikaj motivoj, tute same kiel la dekoracioj de la grandaj fenestroj kiuj lumigas ilin. La palaco, en sia strikta senco, konsistas esence el galerio, kies fenestroj kaj pordoj pretigas la iradon al la «orumita salono» aŭ «tronsalono» kaj ankaŭ al la salonoj de la «perdiĝintaj paŝoj». La fundamenta ĉambro estas «la tronsalono» ampleksega ortangula ĉambro superkovrita de belega kaj okulfrapa mu dehara plafono, konsistanta el du partoj: belega verando sub kiu etendiĝas skribo kiu citas la reĝojn kaj iliajn titolojn, kaj la daton kiam ĉi-tiu salono estis elkonstruita: 1492-a. Super tiu ĉi galerio komenciĝas belega orumita kasonplafono, ornamita de gotikaj kaj mudeharaj elementoj.

Je la fino de tiu alo, ĉirkaŭante la tronsalonon, estas la tri salonoj de la perdiĝintaj paŝoj, kovritaj per belaj lignaj ornamaĵoj kun gotikaj kaj mudeharaj elementoj. Unu el tiuj plafonoj, estis translokita al alia salono okaze de tiu riparado kiu iom post iom ebligas viziti aliajn zonojn de tiu ĉi bela palaco.

**María Isabel Oliván Jarque**

---

# 43-A HISPANA KONGRESO DE ESPERANT

## 75-a datreveno de «FRATECO»

La Organiza Kongresa Komitato informas:

1. En presejo estas du turismaj belaspektaj broŝuroj kiujn oni eldonas en Esperanto okaze de nia Kongreso: Unu pri artohistoriaj konstruaĵoj de nia provinco, kaj alia, pri la plej elstaraj artohistoriaj monumentoj de Zaragoza, urbo. Ambaŭ estos disdonataj dum la Kongrestagoj.
2. Okaze de nia Jubilea datreveno, «FRATECO» pretigis blankajn belajn ĉemizojn, kun verda stelo kaj mencio pri Esperanto, kiujn oni metas je la dispono de la esperantistaro kaj simpatiantoj je la modesta prezo de 400 ptoj. Por tiuj Grupoj kaj Asocioj kiuj akiru minimume dek unuojn, la prezo estos 350 ptoj., por ke ili povu ilin vendi laŭ sama prezo kiel ni. Unuopaj petoj de izolitaj esperantistoj, estos konsiderataj kiel de Asocio, kaj la prezo ankaŭ estos 350 ptoj + sendokosto.
3. Ankaŭ ni devas komuniki al ĉiuj, ke ni jam eldonis belajn plurkolorajn poŝtkartojn de la plej interesaj monumentoj de Zaragoza: Aljaferia, La Lonja, Baziliko Pilar, Katedralo Seo, k.t.p. Ankaŭ aliaj tre okulfrapaj de Ordesa, la belega paradizo kie ni ekskursos okaze de nia Kongreso. La prezo estas dek ptoj. + sendokosto po unuo; kolekto da kvino: 45 ptoj; deko: 80 ptoj; dekkvaro: 110 ptoj. + sendokostoj. Oni povas ilin peti al nia sidejo.
4. Ankaŭ ni sciigas al la filatela familio, ke oni programis du poŝtstampilojn: unu pri la Kongreso, kaj alia, kiel konmemora Jubileo de «FRATECO». Belaj kovertoj kaj niaj bildkoloraj poŝtkartoj kun specialaj poŝtmarkoj, plibriligos la poŝtstampadon, kies unua tago, jam estas tre petata de kolektemuloj kaj amantoj de Filatelio. Mendoj al nia sidejo.

# HISPANA POEZIO

**Francisco de Quevedo** (1580-1645) estas, kiel poeto, pli konata de la publiko pro siaj satiraj kaj trivialaj poemoj. Sed li pli eminentas kiel transcenda lirikisto, kiu en majstra maniero kaj superba stilo interpretis la filozofion de la antikva skolo stoika. Kiel specimeno de lia alt-fluga poezio jen fama soneto, kiun li mem glosis, skribante: «**Instruas** [la soneto] **morti pli frue kaj ankaŭ, ke la pli granda parto de la morto estas la vivo, kion oni ne sentas, kaj ke ĝuste la pli eta, nome, la lasta elspiro, estas la terura**».

Por komparo, mi prezentas ankaŭ la originalan poemon, en kies lasta verso de la unua trio, **morir vivo** havas la signifon **estar muerto en vida, vivir muerto**, esencan por la pli bona kompreno de la soneto.

Johano, nu, ĉar eĉ en febra stato
la sang' apenaŭ varmas duonsvena,
kaj pro profunda aĝo paŝo-trena
en arterioj feblas pulso-bato;

ĉar suprojn tute kovras neĝ-invado,
kaj buŝon tordas oldo dento-prena,
kaj tenebriĝas okul-par' gangrena,
kaj al fakultoj mankas ekzercado,

eliru al la mortintejo vasta,
karesu tombojn, kiuj sin prezentas:
ĉar vivi morta estas vanto lasta.

Pliparte Morto, tiel ja mi sentas,
forpasas en plezur' kaj folo hasta,
kaj nur parteto ĝia nin turmentas.

---

Señor Don Juan, pues con la fiebre apenas
se calienta la sangre desmayada
y por la mucha edad, desabrigada,
tiembla, no pulsa, entre la arteria y venas;

pues que de nieve están las cumbres llenas,
la boca, de los años saqueada,
la vista enferma, en noche sepultada,
y las potencias, de ejercicio ajenas,

salid a recibir la sepultura,
acariciad la tumba y monumento:
que morir vivo es última cordura.

La mayor parte de la muerte siento
que se pasa en contentos y locura
y a la menor se guarda el sentimiento.

En unu el siaj lastaj leteroj, Quevedo plendas, ke «anstataŭ vivi kiel tombo de mia propra morto» li dezirus «esti sepultejo de mia propra vivo».

**Fernando de Diego**



Romia amfiteatro en Mérida (Hispanujo).

# LA DU MERIDOJ

**Bernard Golden**

Riveroj rolas diversmaniere en la historio de la regionoj, tra kiuj ili fluas, jen erozie formodante kaj skulptante la reliefon de la pejzaĝo, jen rekompence alportante materiajn kaj spiritajn aldonaĵojn de proksimaj kaj foraj lokoj. Estas ja eble verki sufiĉe kompletan historion de lando aŭ kontinento per pritrakto de la fizikaj kaj kulturaj modifoj de la ĉirkaŭmedio laŭlonge de ĝiaj akvovojoj, ĉar tie ofte okazis la plej gravaj eventoj. Ankaŭ la nomŝanĝoj de riveroj provizas historiistojn per donitaĵoj pri homaj elementoj en la ĉirkaŭmedio: indiĝenaj popoloj, invadintoj kaj eventuale koloniistoj. Kaj kvazaŭ nemalhaveblaj rekvizitoj sur la natura scenejo estas la vojoj transpontantaj riverojn; efektive kaj simbole ili kunligas teritoriojn kaj homojn tra jarmiloj.

Tia rivero estas Guadiano, kiu serpentumas tra Estremaduro, Hispanio, de la oriento okcidenten ĝis la portugala landlimo, de kie ĝi iras suden por enflui en la Kadizan Golfon. Helenoj kaj romianoj konis ĝin laŭ la nomo **Anas**. Sep jarcentojn pli malfrue la maŭroj, venantaj el Nord-Afriko, aldonis al la latina hidronimo la araban vorton por rivero, **wadi**, kaj nomis ĝin **Wadianas**. Post pluraj jardekoj en la buŝoj de parolantoj de la estiĝanta prahispana lingvo, tiu nomo transformiĝis en **Guadiana**, la aktualan hispanan nomon.

En la antikveco kuŝis norde de Guadiano la regiono de unu el la iberaj popoloj, la lusitanoj. Post 15 a.K. estis establita tie la romia provinco Lusitanio. Aliborde de la rivero etendiĝis la metalriĉa **Hispania Ulterior** aŭ Betiko. Tiutempe unu el la plej renomaj urboj ĉe Guadiano estis **Aŭgusta Emerita**, kiun la romia legato Publio Karisio fondis en 25 a.K. laŭ ordono de la imperiestro Aŭgusto. La vorto **Emerita** en la urbnomo indikas, ke ĝi estis loĝloko de **emeriti**, «ekssoldatiĝintoj». Al la nova kolonio sur la dekstra bordo de **Anas** venis veteranoj de la 5-a kaj 10-a legioj, kies garnizono konsistis el 90 000 trupanoj. **Aŭgusta Emerita**, aŭ pli simple **Emerita**, floris kiel la ĉefurbo de Lusitanio kaj atingis grandan famon en la romia imperio; oni nomis ĝin la hispana Romo, kaj la historiisto Aŭsonio komparis ĝin kun Ateno. En la tiea latinida idiomo ankaŭ ĝia nomo modifiĝis, akirante la nuntempan hispanan formon Mérida.

Hodiaŭ Merido estas la dua urbo laŭ grando en la provinco Badaĥozo. Ĝiaj 42.000 loĝantoj vivas el la agrikulturo, kies ĉefaj produktaĵoj estas kotono, olivoj kaj vinberoj. Buĉejoj de grandbrutaro kaj porkoj, kaj la korkindustrio kompletigas la ekonomian bildon de tiu tipe estremadura urbo.

Pro siaj kulturhistoriaj trajtoj, Merido okupas unikan pozicion inter la urboj de la Ibera Duoninsulo. Pluraj ankoraŭ konservitaj monumentoj, datiĝantaj de la romia periodo, atestas la gloron, kiun la urbo havis, kiam ĝi nomiĝis **Aŭgusta Emerita**. La oblonga cirko, funkciinta kiel hipódromo por vetkurado de ĉaroj tiritaj de ĉevaloj, ne havas parulon aliloke en Hispanio. En la elipsforma amfiteatro proks. 15 000 spektantoj povis ĝui batalojn inter gladiatoroj, kaj amantoj de la dramo trovis lokojn —maksimume 6000— en apuda teatro, la plej bela de la romia Hispanio. La akvoj de artefaritaj kolekt-basenoj en la ĉirkaŭaĵo estis kondukitaj enurben per imponaj akveduktoj. Laŭ la opinio de kelkaj arkeologoj, unu aŭ alia baseno eble servis por naŭmakioj, marbatalaj spektakloj, kiuj estis tre popularaj ĉe la antikvaj romianoj. Kompletigas la romian heredaĵon videblan surstrate en la hodiaŭa Merido la triunfa arko de Trajano, restaĵoj de la ĉirkaŭantaj defendmuroj, du pontoj, buntaj mozaikoj, familiaj kolumbarioj, kaj temploj. Tiuj ĉi estis dediĉitaj, nature, al la paganaj dioj de la metropolo, sed ne mankas indikoj, ke ankaŭ fremdaj kredsistemoj komencis enradikiĝi en tiu okcidenta angulo de la imperio. En la mitraejo estis celebritaj ritoj de sekvantoj de la persa dio Mitrao. Alia orientdevena religio, la kristanismo, jam komence de la 4-a jc. havis sian lokan martiron en la urbo, la 12-jaran knabinon Eŭlalia.

Inter la ĉefaj atingoj de la romia inĝenierio estis pontoj. Du estis konstruitaj en Merido: unu, malgranda konstruaĵo super la rivereto Albarregas, konsistas el kvar arkoj, kiuj portis la romiepokan Vojon de la Arĝento, kondukantan al Salamanko; la alia, super Gŭadiano, konstruita probable ĉe la komenciĝo de nia erao, origine havis 81 arkojn kaj longon de proks. 800 metroj. Sub ĝi fluis, paralele kun la rivero,

dumil jaroj la historio en Estremaduro. Al la nordafrik-devena ibera substratumo de la neolitiko, unue venis influoj de enmigrintaj keltoj en la jaroj 800-500 a.K. Post la konstruo de la ponto, sur ĝia pavimita vojo sonis kaj resonis la paŝoj de nudpiedaj keltiberoj, sandaliataj romiigitaj lusitanoj kaj botitaj trupanoj de la imperiaj legioj. Sekvis tiujn rapide malaperantajn piedspurojn ankoraŭ pli da konkerantoj kaj provizoraj okupantoj de la teritorio: visigotaj hordoj, kies origina hejmlando situis en la norda Eŭropo, kaj maŭraj armeoj el Magrebo. Ili alportis germanajn kaj arabajn kulturtrajtojn, kiuj kirliĝis kun la indiĝenaj kaj romiaj en la milmiljaraj turnakvoj de Guadiano. Dum la relative mallonga regado de la visigotoj, Merido rolis kiel la metropolo de Lusitanio, kaj sub araba domino ĝi fariĝis la sidejo de unu el la malgrandaj berberaj regnoj fonditaj sendepende de la Kalifejo de Kordobo. Tiuj periodoj de brilo ĉesis en 1228, kiam la urbo estis rekaptita fare de Alfonso la 9-a de Leono, kiu reenkondukis la kristanismon en la regionon. Tiu dato estis kriza en la historio de Merido, ĉar tiam la politika kaj religia pezocentro en Hispanio translokiĝis, kaj la urbo neniam reakiris sian antaŭan prosperon.

La rivero Guadiano ligas ankaŭ la historion de la du grandaj marpotencoj de la erao de esplorado, Hispanio kaj Portugalio. En 1524 en Badaĥozo, urbo situanta en la valo de Guadiano tuj apud la portugala landlimo, okazis kongreso celanta solvi disputon pri la demarkacio starigita laŭ la akordo de Tordesilaso en 1494. Tiu ĉi decido rajtigis Hispanion entrepreni la esploradon de ĉiuj amerikaj landoj krom Brazilo. Rezulte de tio, la estremadura rivero kaj ponto etendiĝis transmaren por ligi aliborde de Atlantiko alian duoninsulon, Jukatanon, kun la ibera, kaj alian urbon. Meridon, kun la samnoma hispana urbo. Dum la 16-a jc. transiris la romian ponton super Guardiano centoj de fervoraj aventuristoj antaŭenpelitaj de avido je riĉeco, renomo kaj religiemo, kiuj direktis siajn paŝojn al Sevilo por enŝipiĝi al la Nova Mondo. Kun bona kialo oni nomas Estremaduron «la lulilo de kokerantoj». La plej fama inter ili estis la militakirinto de Meksiko, Hernán Cortés, kiu naskiĝis en Medelino ĉe Guadiano, 46 km. oriente de Merido. Alia grava rolanto en tiu ĉi ĉapitro pri la kunfluo de la historioj de Estremaduro kaj Jukatano estis la salamankano Francisco de Montejo.

En 1526 Montejo ricevis de la hispana krono la heredigeblan titolon «Adelantado de «jukatano», t.e. ekspediciestro. Lia komisio estis proprakoste konkeri tiun parton de Meksiko loĝatan de la majaaj indianoj. Sekvantjare li ekiris venkcele kune kun sia samnoma filo. En 1539 la pli aĝa Montejo laŭleĝe transdonis sian litolon kaj taskon al la filo. Tri jarojn poste, en Epifanio de 1542, la juna Montejo fondis sur la ruinoj de la majea urbo T'ho «la tre noblan kaj tre lojalan urbon Merido».

Kvankam nuntempe en Merido mem ne troviĝas arkeologiaj monumentoj, la tuta Jukatano ekster la urbo estas riĉega arkeologia zono plena de majaaj monumentoj, temploj kaj grandaj cere-

moniaj centroj, kelkaj el kiuj estis interligitaj per ŝoseoj. La inĝenieria scio de la majaoj povas konkuri kun tiu de la romianoj; ankaŭ ili inventis arkon, la korbelarkon, kiu diferencas de la tipe romia arko. Ĉio ĉi atestas la grandiozon de la indiĝena pasinteco de Jukatano, sed eĉ pli rimarkinda estas la kontinueco inter la arkeologia estinteco kaj la etnografia nuntempo. Ankoraŭ hodiaŭ videblas kaj aŭdeblas trajtoj de la indiĝena kulturo. Alta proporcio de la loĝantaro de la sudmeksika duoninsulo, almenaŭ 30 %, estas majaaj indianoj, ankoraŭ parolantaj sian praan lingvon. Cetere, ili konservas kutimojn kaj tradiciojn, vestojn kaj manĝaĵojn, kaj ankaŭ metiojn, originantajn en la antaŭhispana epoko. Kontraste, jam de longe dronis en la tajdo de la romiigo de Estremaduro la ibera kaj keltibera popoloj. Sekve de plurfoja rompo de kontinueco, nek eko nek ombro de la pli fruaj kulturoj ĝisvivas estantece.

La regula ŝaktabula aranĝo de larĝaj stratoj en la jukatana ĉefurbo, kontrastanta kun la labirinteco de la eŭropa fraturbo, estis kreita de hispanaj pioniroj de la urboplanismo, kiuj forigis la artefaritajn montetojn de T'ho, sur kiuj la majaoj starigis siajn templojn. Poste ties ŝtonoj estis reutiligitaj por konstrui la novan urbon. Hodiaŭ apud la koloniaj preĝejoj kaj registaraj palacoj staras luksaj vilaoj de la sisala prosperperiodo de 1910 kaj ankaŭ modernstilaj betonkonstruaĵoj. Ankaŭ la jukatana Merido ricevis influon de la maŭroj; multenombraj domoj estis konstruitaj dum la periodo, kiam la maŭra stilo dominis en la hispana arkitekturo. Pro siaj multaj brile kalkitaj konstruaĵoj, Merido estas alnomata «la blanka urbo».

La meksika urbo daŭre prosperis dum la kolonia periodo kaj poste en la 19-a kaj 20-a jc. sub reĝimoj de la sendependa Meksiko. Nuntempe ĝi havas loĝantaron nombrantan 220.000 individuojn, kvinoble pli ol en la malnovmonda Merido. Troviĝante ĉe latitudo 20º pli suda, la ĉefurbo de la ŝtato Jukatano vivas el tropika agrikulturo: maizo, sukerkano, kotono, rumo, tabako, kafo kaj sisalo, tre grava fibro, servanta kiel bazo de la snuruma industrio. Kontraste kun la akvoriĉa valo de Gŭadiano, la kalkŝtona karsta ebenejo de la Jukatana Douninsulo malhavas vastan surfacan akvoreton; ĝia akvo estas ĉerpita el la subgrunda akvonivelo helpe de miloj da ventpumpiloj.

Unu kaj duona jarmiloj apartigas la fondojn de la du Meridoj, sed pro historiaj kontaktoj ekzistas rimarkindaj similecoj apud la kontrastoj ambaŭ urboj naskiĝis ĉe turnopunktoj de la historio de Hispanio: la unua simbolas la romiigon de la Iberia Duoninsulo kaj la dua, la hispaniigon de granda parto de Ameriko. Kaj, rememorigante la romian ponton super Gŭadiano, oni povas paroli pri alispeca ponto —la hispana lingvo— kiu, dank'al la akordo de Tordesilaso, hodiaŭ servas por spirite unuigi la du Meridojn.

Ili ja estas ĝemelurboj, kies historioj, ekfontinte en diferencaj kaj foraj indiĝenaj pasintecoj, kuniĝis, kvazaŭ du enfluriveroj, kaj dum kelkaj jarcentoj torentis tra komuna fluejo etendiĝanta de unu marbordo de Atlantiko al la alia.

# GRAVA KAJ NEPRA AFERO

Hispana Esperanto-Federacio, jam antaŭ la 42-a Hispana Kongreso de Esperanto ĵus okazinta en Málaga, sendis al la koncernaj instancoj skribpeton pri Esperantaj radioelsendoj. Kiel kutime, la silento estis la nura respondo. Ŝajnas ke al respondeculoj de la Hispana Nacia Radio nia Movado ankoraŭ ne estas sufiĉe grava por konsideri la eblecon disvastigi regule esperantajn programojn tra la tuta lando. Kontraŭe, por ni, hispanaj esperantistoj, la afero estas grava ĉar, bedaŭrinde, Esperanto estas tute nekonata de la plimulto el niaj samlandanoj. Estas grandega la kvanto de personoj kiuj ne konas la Movadon kaj ĝiajn celojn kaj, aliflanke, estas tre malmultaj la esperantistoj kaj simpatiantoj.

Cetere, estas memvideble ke la manko de mono sufiĉa por plenumi gravajn projektojn de malvastigo estas la ĉefa malfacilaĵo kiun ni trovas tuj post niaj kutimaj konkludoj. (Foje, tio estas eĉ la nura konkludo). La problemo kuŝas en tio kaj estas necese serĉi efikan solvon tuj. En la Movado, same kiel en kiu ajn entrepreno, ekzistas personoj decidintaj labori senĉese ĝis la fino, t.e. ĝis la sukceso. Mi petas al tiuj kiuj konsideras sin respondeculoj en la Hispana Esperantistaro ke ili trovu iom da tempo por legi kaj pripensi tion. Tial, mi dankas al tiuj kiuj legis kaj meditis mian artikolon «Bonvole, atentu, iomete» aperigitan en la Nº 248-a de BOLETIN.

Neniu donacos al ni la eblecon ĉeesti en la ŝtataj amasmedioj. Tial, H. E. F., kiel laŭleĝa reprezentanto de la Hispana Esperantistaro, proponu denove al la koncernaj instancoj nian postulaĵon, kaj la ceteraj esperantistoj kaj simpatiantoj kunlaboru laŭ konvena plano. (Ĉar temas pri sukceso ni devas insisti ĝis la atingo de nia celo).

Eble, ĉi tio ŝajnas al iuj neutila ĉar, laŭ ili, en Naciaj Kongresoj kaj aliaj renkontiĝoj kaj kunvenoj oni pritraktas kutime niajn problemojn kaj, tial, insisti pri certaj temoj estas preskaŭ afero de maniuloj. Mi opinias kontraŭe, ĉar la menciitajn kunvenojn multaj gesamideanoj ne ĉeestas aŭ ne partoprenas kaj, aliflanke, oni serĉas rapidajn kvankam senefikajn solvojn por tiamaniere finigi baldaŭ la kunsidojn, ĉar mankas la necesan tempon por altrakti la temojn. La graveco de la Kongresoj same kiel de aliaj multaj renkontiĝoj estas granda laŭ mi. Tamen, la popolo ne perceptas ĝin. Tial, la urboj kaj vilaĝoj en kiuj ne okazas kunvenoj, apenaŭ oni sciigas pri nia agado. Pro tio estas nepre necese ataki la problemon de la radioelsendoj tutnacie por atingi ĉi tiujn ne forgesendajn celojn:

Kuraĝigi la tutan hispanan esperantistaron.

Disvastigi Esperanton nacie kaj internacie, same kiel la kulturon kaj novaĵojn de nia lando.

Aranĝi la okazigon de «Jaro de Komunikado»

Meti la movadon en Hispanio samnivelen ol en Svisio, Italio, Ĉinio, Polujo, Vatikano, k.t.p. de kie disvastiĝas regule esperantaj programoj per la Radio.

Por tion atingi mi proponas jenon:

a) Atentigi la popolon pri Esperanto per kiel eble plej influaj amasmedioj naciaj kaj lokaj.

b) Kunigi kiel eble plej grandan kvanton da subskriboj favoraj al esperantaj radioelsendoj tutnaciaj.

c) Sendi la koncernajn listojn da subskriboj al RNE (Hispana Nacia Radio).

ĉ) Plu penadi ĝis plena sukceso malgraŭ gravaj malfacilaĵoj.

Estas evidente ke la koncerna kampanjo estas organizota de H. E. F. kies estraro kunordigos la agadon de ĉiuj partoprenontoj. Cetere, Madrida Liceo de Esperanto pro sia apudeco kaj matureco akceptos la taskon pretigi la radiajn programojn kaj la ceteraj Grupoj kaj unuopuloj helpos kaj kunlaboros kiam, laŭ la opinio de Madrida Liceo de Esperanto estos konvene.

Bonvolu memori, gesamideanoj, ke ĉio estas ebla al homoj kiuj laboras senĉese, racie kaj kuraĝe. En 1954-a, la UNESKO necese konsciis pri la graveco de Esperanto pro la influo de la koncerna peto subskribita de 492 organismoj kiuj reprezentis 15.454.780 membroj kaj de 895.432 subskribintoj unuopulaj (1.607 el kiuj estis lingvistoj).

Jen imitinda ekzemplo, do, ek al la laboro!

Mi restas, kompreneble, je via dispono

ANDRES

---

# Raporto pri la agado de la Hispana Sekcio de I. L. E. I.

La lernojaro 1981-a-1982-a komenciĝis laŭ la decidoj aprobitaj en la kunsido de nia Sekcio, okazinta dum la Hispana Kongreso de Esperanto en la nekomparebla kadro de la Universitato de Murcia.

Nia laboro kiel Sekcio, dum la menciita lernojaro estis sufiĉe densa kai tre fruktodona. Vi jam estas informitaj per diversaj Cirkuleroj kaj Suplementoj de «SULKO» pri nia agado, tamen, ni volas, skize prezenti ĝin por ĝenerala informo.

Gvidate de la hispana Sekciestro Francisco Zaragoza Ruiz, tiu ĉi Sekcio konsistas el preskaŭ 500 membroj. **La Elementa Koresponda Kurso**, kiun gvidas Direktoro Vicente Molins lernigas 1598 gelernantojn, la plej granda parto geprofesoroj de Ĝ. B. E. En la **Perfektiga Koresponda Kurso** estas 139 gelernantoj, gvidataj de S-ano José María Bernabeu Franco.

Ankaŭ Grupo de Radioamatoroj, 200 proksimume, lernis Esperanton per nia Elementa koresponda kurso.

Kun la celo kontribui al la perfektigo de la lingvo, kaj ĉefe por tiuj kiuj estas izolitaj, la Sekcio havas kasetoservon enhavantan pli ol 22 titolojn, prizorgatan de S-ano Francisco Sánchez Antón.

Krom tio, la instruado de Esperanto disvastiĝas en naciaj lernejoj kaj Liceoj, kaj nun jam estas pli ol 250 el ili, kie oni povas lerni Esperanton.

La pasintjara malsukceso de «CENTRO PILOTO», pro ekonomiaj cirkonstancoj, decidigis nin aperigi la monatan revueton «SULKO» kiun plene sukcesis. Fine, ni devas mencii nian konstantan laboron favore al la disvastigo de Esperanto, kunlaborante tiucele kun la Hispana Esperanto-Federacio.

(El la raporto sendita de S-ano F. Zaragoza Ruiz)



S-ino Perla Martinelli, reĝino de la 24-a K. E. R. disdonante premion de la Floraj Ludoj.

# 24-a kataluna esperantista rekontiĝo

Fine de septembro «Reus» gastigis la jarrenkontiĝon de la kataluna esperantistaro. La urbo ne havas organizitan klubon kiu subprenu la laboron de organizado de renkontiĝo, sed ĝi havas esperantistojn kiuj akceptis fari parton de la laboro, kun la espero, ke nia jara renkontiĝo helpos al starigo de loka grupo, kiel simile okazis en aliaj lokoj.

La rekontiĝo cetere enhavis la tradiciajn erojn de esperantista kunveno: Inaŭguron de ekspozicio, publikan instruhoron de Esperanto laŭ rekta metodo gvidata de s-ano Petro Nuez, akceptadon de la gepartoprenantoj, disdonadon de dokumentoj, akceptado en la Urbodomo, meson en Esperanto fare de Pastro Manuel Casanoves CMF provizora KEA-prezidanto, komunan tagmanĝon kaj libroservon.

El la menciitaj partoj de la programo meritas plian mencion:

La akceptado en la urbodomo fare de s-ro Johano Pedragosa, delegito pri instruado, kiu brile kaj entuziasme laŭdis nian lingvon internacian Esperanto, samtempe oni devas indiki ke la urbestraro en sia lasta kunveno decidis: inaŭguri straton «L. L. Zamenhof kaj subteni ĉi jarrenkontiĝon po 25.000 p-toj.

22-aj Internaciaj Floraj Ludoj, kerno de la renkontiĝo, sukcesis danke al la serioza kaj efika laborado de sia sekretario s-ro Gabriel Mora i Arana, kiu raportis koncize la Ludojn kaj legis la verdikton de la juĝkomisiono:

**ROZO kaj NATURA FLORO**: DANKA BUKEDO POR PERLA, de Giorgio Silfer, el Italujo

Honora Mencio: MARISTA AMO, de Pere Nuez Pérez, el Katalunujo

**EGLANTERIO**: KANTIKO, de Julio J. Juanes, el Baskujo

Honora Mencio: MONDMUZIKO, de Johan Hammond Rosbach, el Novegujo

**VIOLO**: SERENADO, de Carmel Mallia, el Malto
Honora Mencio: LINDA, de Johan Hammond Rosbach, el Norvegujo
**PREMIO «FREDERIC PUJALA i VALLES»**: JALUZO, de Rajna Angelova Konstantinova, el Bulgarujo
**PREMIO «JAUME GRAU i CASAS»**: Ne aljuĝita
**PREMIO «ARTUR DOMENECH i MAS»**: LA LETARGIA DEL ZUAU, de Jordi Carbonell i Pinyol, el Katalunujo

Laŭ la programo estis invitita festparoli p-ro William Auld prezidanto de la E-Akademio, sed pro profesiaj devoj li rezignis sian partoprenon. Tamen, feliĉe la O. K. trovis taŭgan festparolanton en la p-ro Giorgio Silfer konata lingvistiko kaj poeto. Li centris sian paroladon pri la temo «**Stetiko kaj Poetiko. Kio estas arto? Kio devas esti arto?**» Kun abundaj pruvoj, li prezentis al la aŭskultantaro la unuajn paŝojn de niaj poetoj, la malsimilajn etapojn de nia E-literaturo, rememoris la grandan personecon de: L. L. Zamenhof, Kabe, W Auld, Kalocsay k.a. Fine li precizigis la jenon: E-poezio trapasis ĉiun etapon kiel la aliaj naciaj lingvoj kaj pro tio nia internacia lingvo estas nun plene matura.

Alia grava ero de la programo estis la momento kiam Pastro Manuel Casanoves komunikis nin, ke «Generalitat» oficialigis nian societon «Kataluna Esperanto Asocio». Tiel do la recenzisto esperas ke ekde nun oni komencos pli efikan etapon de la E-movado en Katalunio, pere de rektan kunladoradon inter ĉiu E-asocio kaj E-sekcio, pli malpli dekkvin, tio signifas tiklan defion se ni vere deziras kunordigi la nunajn E-labortaskojn, kiujn spontanee kaj diligente oni realigas individue. Eble la estonta 100-jara datreveno de la unua E-lernolibro, jaron 1987-an, estu bona kristaligilo por pli intensa kunlaborado.

Ĝis la venonta jarrenkontiĝo.

**Suno**

# NIAJ GRUPOJ

**BILBAO**.—La 4-an de Oktobro komenciĝis du esperantaj kursoj gvidataj de Santiago Martín kaj Andoni Hierro. Krom tio, estas rimarkinda nova Esperanto Kurso, per vaska lingvo, gvidata de Artur Bastida kaj nun ni intencas aperigi lernolibron por vaskoparolantoj.

Por la progresantoj komenciĝis Perfektiga Kurso la 4-an de Novembro dutagojn semajne.

Dum Septembro kun la celo propagandi la komencon de la novaj kursoj, nia junularo disiris tra la bilbaoaj stratoj kaj kun siteloj, penikegoj, gluo kaj afiŝoj ornamis per verdaj steloj la malpuregajn murojn de Bilbao kaj ĉirkaŭaj urboj. Krom tio, ĉiun dimanĉon matene, ili starigis en la centro de la urbo tablon sur kiu kuŝis esperantaj libroj, revuoj, broŝuroj, k.t.p. Apude estis du grandaj afiŝoj, hispane kaj vaske, altirantaj la atenton pri la nuna monda ligva situacio. Al tiu tablo alproksimiĝis amaso da personoj kiuj avide demandis pri Esperanto. La lokaj ĵurnaloj aperigis artikolojn kaj intervjuojn kiuj kontribuis propagandi nian agadon.

(Laŭ Cirkulero de la Grupo)

**ZARAGOZA**.—Nia E-Societo festos ĉijare la 75 datrevenon de sia fondiĝo, en la kadro de la 43-a Hispana Kongreso de Esperanto kaj tiaj eventoj plene meritas ĉies atenton, kvankam ni enkondukos niajn strebojn al la komuna celo organizi la Kongreson kaj la Jubileon kiel eble plej brile, ni absolute ne deflankiĝos nian ordinaran agadon: Kursojn, Seminariojn, kaj aliajn ordinarajn taskojn.

La kursoj komenciĝos la 18-an de Oktobro kaj okazos Prelegoj ĉiumonate vendrede.

(Laŭ informilo de «FRATECO»)

**VALLADOLID**.—Lastatempe, nia urbo estis vizitata de esperantistoj venantaj de malproksimaj landoj. Unue, vizitis nin la brazila samideano S-ro José Pedro Milagres, kiu post sia partopreno en la ĉijara Universala Kongreso de Esperanto okazinta en Antverpeno (Belgujo), kaj trakurinte la tutan Eŭropon, li venis al nia urbo, kie li restis kvar tagojn, dum kiuj krom viziti la ĉefajn artmonumentojn akompanate de pluraj valladolidaj gesamideanoj, li estis en la sidejo de la Grupo kaj estis eĉ intervjuata en Radio Valladolid dum kvaronhoro pri sia vojaĝo tra Eŭropo uzante nur la Internacian Lingvon Esperanto.

La 23-an de Septembro estis en nia urbo kaj prelegis en la sidejo de nia Grupo, S-ro Jim Dimo al Aŭstralio. La prelego de S-ro Dimo, tre interesa, temis pri «Nekonata kontinento: Australio». Li rakontis ke tiu lando kies areo estas pli granda ol Eŭropo, loĝas nur 14 milionoj da homoj; la indiĝenoj povas atingi longdaŭran vivon manĝante nur viandon aŭ vermojn. Ili atribuas al manĝado de vermoj longvivecon.

Tiun fenomenon nun studas kun intereso la sciencistoj. Li menciis ankaŭ, ke la indigenoj adoptante la kutimojn de la civilizacia mondo, kiel fumadon aŭ drinkadon, akiras infektajn malsanojn antaŭe tute nekonatajn de ili.



S-ro Milagres el Brazilo kun gesamideanoj de Valladolid.

La longegaj distancoj ekzistantaj en la lando ĉion funkciigas nenormale. Tiel, la infanoj de familioj loĝantaj dise en la kamparo studas per radio. Tio estas, la profesoroj kaj lernantoj loĝantaj malproksime unu de la aliaj rilatiĝas nur per la ondoj de la radio.

Por la farmistoj loĝantaj malproksime de la urboj la hospitala servo estas organizata per la radio kaj se estas necese la kuracisto iras ĝis la farmo uzante la plej rapidan veturilon.

S-ro Dimo rakontis ankaŭ pri la industria kaj ekonomia vivo de la lando, kaj invitis la ĉeestantojn viziti Australion la jaron 1988-an kiam tie okazos U.K. de Esperanto.

Kiel tradicie, dum la monato oktobro komenciĝis en la sidejo de la loka grupo, Elementa Kurso de Esperanto, kiu gvidate de S-ano Vicente de la Parte okazas lunde, merkrede kaj vendrede, de la 8-a ĝis la 9-a vespere. Alia Elementa Kurso por infanoj de la 8-a klaso de Ĝ. B. E. en la lernejo «José Zorrilla» okazas gvidate de nova sed entuziasma esperantisto.

Aliflanke, kiel pasintjare, ĉiumarde vespere okazas Elementa Kurso de Esperanto prizorgata de S-ro Angel Díez kaj S-ino M. Rafaela Urueña, tra la ondoj de «Radio Valladolid».

L. H.

**GIJON**.—En Septembro, dum tri sinsekvaj semajnoj, Radio Gijón dissendis informojn de s-ano Julio Argüelles pri: Universala Kongreso de Esperanto, en Antverpeno; Kongreso de Blindaj Esperantistoj, kaj Internacia Junulara Konferenco, respektive.

Fine de tiu sama monato kaj okaze de la komencota Elementa Kurso de Esperanto en nia sidejo, ni sendis salutleterojn kun informoj pri tiu kurso al ĉiuj redakcioj de ĵurnaloj en nia provinco, samkiel al direktoroj de Radioj Gijón, Oviedo kaj Nacia de Hispanio en Oviedo kaj al Regiona Centro de TVE. Sekve de ĉi tiuj leteroj, informojn pri Esperanto kaj pri la komencota kurso publikigis «La Hoja del Lunes» kaj «El Comercio»; informis ankaŭ pri la Kurso Radiodissendiloj de Gijón kaj Nacia; kaj el la Regiona Centro de TVE oni sendis du filmistojn kaj TV-parolistinon al nia sidejo okaze de la malfermo de la Kurso. Oni filmis komencon de la unua leciono en klasĉambro plenplena de gelernantoj, kaj oni intervjuis nian s-anon Adonis González. La 6-an de oktobro, du tagojn post komenco de la kurso, kaj en la kadro de la Regiona TV-programo, posttagmeze, miloj kaj miloj da personoj spektis tiun komencon kaj intervjuon, kiu daŭris ĉirkaŭ 10 minutojn Do, laŭ la propaganda vidpunkto, ni atingis gravan sukceson.

Krom tiu supre menciita elementa kurso, gvidata de s-ro Mulas Gallego, en la daŭro de la oktobra monato ekfunkciis en nia urbo jenaj: porinfana, en «Colegio Nacional Pelayo», elementaj en «Formatik» (lernejo por stevardinoj) kaj «Gildo de Sangodonantoj», kies kursgvidanto estas nia nelecigebla s-ano Julio Argüelles; superan E-kurson, en nia sidejo, kaj elementan, en Asocio ESPAÑA-URSS, gvidas s-ano. Adonis González.

Kun elkoraj kaj amikaj salutoj.

ADONIS

**GERONA**.—La E-Grupo de tiu-ĉi urbo estis oficialigita la pasintan oktobron kiel «Ĝirona Espero».

En la kadro de la jara Ĝirona Foiro, kaj dank'al la afableco de la urba konsilantaro, la E-Grupo havis, senkoste, standon en la kultura zono de la Foiro. Ĝi estis tre bele aranĝita per grandaj flagoj, per E-afiŝoj kaj per E-gazetoj el ĉiuj landoj. Multaj personoj vizitis la ekspozicion kaj kelkaj fariĝis novaj gelernantoj.

En baldaŭa estonto, Radio Ĝirono dissendos semajne esperantan programon kun novaĵoj kaj malgranda E-kurso. Ankaŭ Radio Olot kaj «L'OLOTI» dissendis kaj publikigis respektive, la saman temaron kun granda sukceso.

M. AGUADO

**BARCELONA**.—En la sidejo de Barcelona Esperanto-Centro, kaj kunlabore kun Llibrería Esperanto, estis prezentita la 25-an de novembro, la tradukon esperantlingva de la versa dramo de José Zorrilla titolita: «**Don Juan Tenorio**», eldonita de D-rino Lina Gabrielli kaj tradukita en esperanton de S-ro Lluis Mimó.

En la sama sidejo okazas tri Esperanto-Kursoj kun granda sukceso.



**S-ro Luis Mimó kaj S-ro Gutiérrez Adúriz prezentante «Don Juan Tenorio».**

# 68-a Universala Kongreso de Esperanto



De la 30-a de julio ĝis la 6-a de Aŭgusto 1983-a okazos en Budapeŝto, ĉefurbo de Hungarujo, la 68-a Universala Kongreso de Esperanto. Oni antaŭvidas ke ĝi, pro diversaj cirkonstancoj, estos unu el la plej multnombraj.

La Organiza Komitato prezidata de la parlamentano S-ro Endre Barath jam delonge laboras por ke ĝi estu neforgesebla evento.

En Hungarujo, kie estas unu el la plej fortaj esperantistaj movadoj en Eŭropo lastatempe estis fondita la Scienc-Teknika Oficejo de U. E. A. kaj nomoj kiel Kalocsay, Baghy, Szilagyi kaj aliaj estas vaste konataj de la tutmonda esperantistaro.

La hungaraj aŭtoritatuloj forte apogas la Esperantan movadon kaj pro tio estis la hungara delegito kiu prezentis la proponon en la Konferenco pri Turismo okazinta en Manila rilate la utilecon de Esperanto en la turisma sfero.

Ankaŭ, tre pozitive, apogis la okazigon en Budapeŝto de la I-a Internacia Teatro-Festivalo en Esperanto kaj pri kio raportis la tuta esperantlingva gazetaro.

Kiel bone diras la Prezidanto de L. K. K. D-ro Endre Barath en sia Salut-mesaĝo kiu estas presita en la Unua Oficiala Bulteno: «En la nuna mondo havas apartan signifon la intensa kaj senpera kunlaborado inter homoj vivantaj en malsamaj sociaj sistemoj, ja tia kunlaborado, la reciproka ekkonado de la vidpunktoj kaj pensoj de aliaj homoj en internacia skalo, povas grave kontribui al la interpopola kompreniĝo kaj la monda paco».

La 68-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en la giganta rondforma sporthalo situanta meze de la urboparto Pest kaj apud la fama futbalstadiono «Nepstadion». Pri la beleco de Budapeŝto kiu donas al ĝi ĉefan rangon inter la eŭropaj urboj, oni multe verkis. La bela Danubo, majeste ondanta sub la ĉarmaj pontoj, la romantika montara regiono, kaj la historia pasinteco de la urbo, altiras multajn vizitantojn.

La programo, certe estos varia kaj alloga, kaj ni informos pri ĝi en unu el la venontaj numeroj de BOLETIN. Tamen, jam nun pensu pri via ebleco partopreni en la plej granda evento de la tutmonda esperantistaro, ĉar nur partoprenante en Internacia Esperanto-aranĝo kaj fakte, Universala Kongreso estas la plej elstara el ĉiuj, vi mem povas konstati kiamaniere per unu sola lingvo, oni povas interparoli kun homoj de la plej diversaj landoj tute nature.

NOTO.—Ni informas vin ke ĉi-jare H. E. F. ne aranĝos komunan karavanon al la Kongreso, ĉar evidentiĝas ke tiuj karavanoj ne interesas niajn membrojn. Pro tio, ĉiu kiu interesiĝas pri komuna vojaĝo, kontaktigu kun unu el la adresoj de Asocioj kiu organizos ĝin; inter aliaj estas Esperanto-Centro D-4.790 PADERBORN, poŝtfako 1.450 kiu aranĝas fervojan karavanon kun diversaj vetureblecoj.

# INTERNACIAJ KONGRESOJ KAJ KUNVENOJ

De la 25-a de Junio ĝis la 2-a de Julio 1983-a okazos en Cannes apud la Lazura Marbordo, aŭspiciate de la Unuiĝo Franca por Esperanto, Internacia Esperanto-Semajno.

La Semajno tute turisma, ebligos al la partoprenantoj koni unu el la plej allogajn turismlokojn de Francujo.

Cannes estas ĉarma urbo kies haveno estas plenplena je plezurŝipoj. La plej luksaj hoteloj situas en la fama avenuo «La Croisette» mondkonata pro la ĉiujara kino-festivalo.




Per komforta aŭtobuso aŭ ŝipeto la gepartoprenantoj vizitos la plej famajn ĉirkaŭaĵojn.

La programo, tre interesa, povas esti partoprenata nur de 50 personoj maksimume, kio garantios pli amikajn kaj allogajn kontaktojn.

Pliajn informojn petu al; S-ro Robert Llorens, «Les Hortensias» 2 Domaine de Fleurs. 121 bis, Boulevard Napoleon III, F-06200 NICE (Francujo).

---

La 17-a Konferenco de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (I. L. E. I.) okazos de la 14-a ĝis la 22-a de Julio en Hotelo Tivoli de Sintra (Portugalujo). La programo konsistos el prelegoj, laborkunsidoj, ekskursoj, k.t.p. Aliĝilojn mendu al la hispana sekciestro de I. L. E. I. S-ro Francisco Zaragoza Ruiz, CALLOSA DE SEGURA (Alicante).




Internacia Kultura Servo aranĝos de la 7-a ĝis la 14-a de Aŭgusto 1983-a Postkongreson de Esperanto en la urboj ZAGREB kaj ZADAR.

La programo estas tre varia kaj alloga kaj i. a. okazos: Folklora Vespero, Trarigardo de la malnova parto de ZAGREB; Teatra Vespero; Vizito al la naturrezervejo PLITVICE; Vizito de ZADAR; pupteatro, Amika Vespero.

Pliajn informojn petu al; Internacia Kultura Servo, P. F. 499; YU-41.000 ZAGREB (Jugoslavio).

---

La Franca Katolika Esperanto-Asocio (F. K. E. A.) organizas sub la ĝenerala temo; «ESPERO EN KRISTO KAJ LIA DIPATRINO» Internacian esperantistan Pilgrimadon okazontan en Lourdes de la 5-a ĝis la 12-a de Aprilo. 1983-a Korespondadreso; FKEA, BP 54 F-49.150 BAUGE (FRANCUJO).

---

Dum la semajnfino de la 25-a ĝis la 27-a de februaro 1983a okazos la komuna **Nederlanda Esperanta Kongreso en Driebergen**, urbeto apud Utrecht. Ĉar la venonta jaro estos la internacia jaro pri komunikado, la ĉefa temo estos komunikado; ĝin traktos kelkaj nederlandaj kaj eksterlandaj prelegontoj. Krome okazos la jarkunvenoj de diversaj nederlandaj esperantaj unuiĝoj, kaj interkona kaj arta vesperoj. Eksterlandaj kongresanoj pagos ne la programkostojn, nur la restadkostojn, t.e. f 72,50. Pliajn informojn aŭ aliĝilon bonvolu peti ĉe s-ro T. Boersma, Hoeveweg 18, NL-8394 VR De Hoeve.

# SUBTENU LA OAZON!



Post niaj prelegoj kaj poresperantaj klopodoj en 42 landoj, multaj el la legantoj konas min tiel bone ke ili kredas ke ni ĉiam helpas la disvastigon de Esperanto. Nun ni ŝatus voki vian atenton al la «Esperanto-Oazo».

Kampadejo kun spaco por 30 tendoj, ruldomoj kaj ĉambroj lueblaj. Ĝi situas 10 km for de la strando apud Gandía kaj 70 de Valencia. Tie oni ne aŭdas aŭtomobilojn kaj povas dormi profunde kaj ne ĝenate. La tereno situas en ebena valo kaj estas ĉirkaŭita de belaj oranĝarboj kaj krutaj montoj. La temperaturo estas ĉiam bona. La tero ne tre malmola por tendo-stangoj. Sunenergio provizas sufiĉe varma akvo; necesejoj kaj laveloj estas tre modernaj kaj puraj. La naĝejo estas kahelita kaj 6x12 m granda.

S-ano Akiles Sanz intencas enlasi nur esperantistojn kaj iliajn familianojn. Li komencis ĝin antaŭ du jaroj, sed ĝis nun nur malmultaj samideanoj venis. Se ne venos pli da gastoj ol ĝis nun, li devos fermi tiun ĉi laŭdindan «Esperantujon».

Plej korsincere mi rekomendas ĝin al ĉiuj esperantistoj, iam ajn dum la jaro. Vi povas eĉ decidi resti tie por ĉiam aŭ dum monatoj aŭ jaroj, aŭ aliĝi al E-Oazo —Kooperativo. Skribu al li por pliaj informoj kaj vizitu la Oazon, ĉar sen via subteno tiu belega kaj inda feriejo ne plu estos Esperanto-Oazo, sed senesperantista dezerto.

**Jim Dimo (Aŭstralio)**

En ĉi tiu nekomparebla kampadejo, okazos la VII-a H. E. J. S.-Tendaro de la 8-a ĝis la 11-a de Aprilo 1983-a kun tre alloga kaj varia programo. Pliajn informojn kaj aliĝilojn petu al H. E. J. S. Atocha, 98-4 MADRID-12.

# KONKURSO PRI SLOGANOJ

Hispana Esperanta Junulara Sekcio (H. E. J. S.) aranĝas konkurson pri sloganoj, laŭ la jena

**REGULARO**

1-e. La slogano ne enhavu pli ol 20 vortojn.
2-e. La temoj estos: Propagando de Esperanto inter la junularo Helpallogo de plenkreskuloj al la junulara Esperanto-Movado. Ĝenerala Propagando de H. E. J. S.
3-e. La slogano devas esti redaktita en Esperanto.
4-e. La slogano devas esti skribita tajpe aŭ preslitere en duonfolio indikante sube pseŭdonimon.
5-e. Aparte oni sendu koverton kun enmetita folio en kiu oni estus skribita la veran nomon kaj adreson de la aŭtoro. En la koverto mem estus skribita la pseŭdonimo.
6-e. Pluraj sloganoj devas esti aparte senditaj.
7-e. La Juĝantaro konsistos el tri membroj elektotaj de la Estraro de H. E. J. S.
8-e. La disdonado de la premio okazos en la kadro de la VII-a H. E. J. S.-Tendaro okazonta en Gandia dum Pasko 1983-a.
9-e. Datlimo por sendo de la konkursaĵoj estos la 5-an Marto 1983-a.

# LA HISPANA DEVENO DE LA PRAESPERANTA RADIKO **SOBR-**

**Bernard Golden**

En mia artikolo «Zamenhof kaj la hispana lingvo» (**Boletín**, 1980, n-ro 239, p. 7-9), mi tiris la konkludon, ke ĝis nun neniu pruvo ekzistas, ke d-ro Zamenhof sciis la hispanan lingvon antaŭ la publikigo de Esperanto en 1887. Poste, kiam la aŭtoro de Esperanto komencis pritrakti reformojn en la lingvo, li formis kelkajn novajn vortojn surbaze de hispanaj etimoj.

Lastatempe mi legis diskuton pri la etimologio de vorto en Pra-Esperanto, kiun mi preteratentis. En «La Brandistoj», fragmenta tradukaĵo el la dramo «La Rabistoj» de Frederiko Ŝillero (Friedrich Schiller), kiun Zamenhof elgermanigis en 1881, parto de linio 23 tekstas: «hor ra génio i fo sobré mal». Gaston Waringhien tradukis ĝin en Esperanton jene: «krom-se lia genio en tio superas mian». (**Lingvo kaj Vivo**, 1959, p. 28-29). Rimarku la vorton **sobré** "superas". Ĝia radiko estas **sobr-** "super", al kiu estas aldonita la finaĵo **-é**, kies ekvivalento en la definitiva Esperanto estas "-as". Laŭ Waringhien malmultaj prepozicioj en tiu frua stadio de Esperanto havas etnolingvan etimon, do tiutempe li ne proponis etimologion por **sobr-**.

Dek ses jarojn poste, kiam Itô Kanzi (Ludovikito) preparis la tekston de la kvina volumo de sia **Plena Verkaro de Zamenhof**, li korespondis kun Waringhien pri **sobr-**. La japana esperantologo Naokazu Kawasaki verŝajne estis la unua, kiu sugestis, ke la etimo de **sobr-** estas la hispana vorto **sobre** (**Korespondaĵo Ludovikologia**, kompilita de Itô Kanzi, kromkajero 2 de **Plena Verkaro de Zamenhof**, 1982, p. 49). Waringhien, tamen, proponis alian etimon, la italan verbon **sopraffare** "superi, venki, surtreti".

Mi inklinas akcepti la opinion de Kawasaki, ĉar estas multe pli facile devenigi **sobr-** de **sobre** ol de **sopraffare**. Ĉi-kaze ne estas eble klarigi, kial la "p" en la itala vorto fariĝis "b" en la praesperanta formo. Neniu konflikto ekzistas kun alia radiko ***sopr-**. Kiam Zamenhof kompilis la vortprovizon de Esperanto, li elektis la latinan prepozicion **super** kiel etimon de "super". Li sendube faris tion por eviti homonimecan kolizion kun la adjektivo **sobra** "modere trinkanta kaj manĝanta, evitanta ĉiujn superfluaĵojn".

Ĉu la uzo de **sobre** kiel etimo fare de Zamenhof indikas, ke li sciis la hispanan lingvon? Mi opinias, ke ne. Li estus povinta trovi **sobre** en iu ajn hispana vortaro sen antaŭa studo de la lingvo, kaj ĉar ĝi plaĉis al li en tiu frua periodo de lingvokreado, li uzis ĝin por formi praesperantan vorton.

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

NUDPIEDA GEN de Nakazawa Keizi. Tradukita el la japana de Yukio Tzumi eldonita de Rondo Gen. 284 paĝoj. 15 x 22 cm.

Tre distra kaj facillegebla bildstria romano kiu rakontas la historion de japana familio kaj ĝiajn suferojn dum la lasta monda milito pro ilia malmilitemo. Tiu-ĉi romano estas forta alvoko por la paco. Tre taŭga libro por ke la komencantoj havu eblecon pliampleksigi sian scion de la lingvo.

La libro havas kelkajn erarojn, sed malgraŭ ĉio, ĝi estas vere leginda.

A G L

MEDITEME de Oldrich Knichal, eldonita de Ĉeĥa Esperanto-Asocio, en la literatura kolekto Panoramo. Literatura almanako de Starto. 74 paĝoj.

Kolekto el originala kaj tradukita prozo. Ĝi konsistas el tri rakontetoj, tri privojaĝaj kronikoj kaj eseo pri la romano «Kiel akvo de l'rivero» kaj kvar tradukaĵoj. Plej interesaj estas, sendube, la originalaj rakontetoj kaj la eseo. La tradukoj estas ĉerpitaj el modernaj ĉeĥaj romanoj, sed ili aspektas iom fuŝaj kaj tro disaj: ne aperas resumo de la libro kaj oni ne scias pri kio temas. La teknikaj aspektoj de la libro estas kvazaŭ neglektataj, kaj krome pluraj preseraroj tre ĝenas la leganton.

UNKERA

EL SUBAJ FONTOJ de Eli Urbanová, eldonita de Ĉeĥa Esperanto-Asocio en la kolekto Panoramo. Literatura almanako de Starto. 96 paĝoj.

Dua poemaro de Eli Urbanová, post tiu sukcesa «nur tri kolorojn» de 1960-a. Kelkaj el la poezioj jam aperis en revuoj kaj en la «Esperanta Antologio», sed la atendo ne estis senfrukta. La libro estas vere interesa kaj leginda. La poemoj spegulas la intiman vivon de la aŭtorino kaj ŝiajn sentojn kaj sopirojn Oni dividis ĝin en kvin partojn el kiuj la plej valora estas eble «Abismo de ekkono» kiu enhavas la poemon «Malvarma Edzino» komentita en unu el la lastaj numeroj de BOLETIN.

Resume, ĝi estas libro ĝuenda de ĉiu ŝatanto de bona literaturo.

U.

ALMANAKO LORENZ 1982.— Eldonis spiritisma Eldona Societo. F. V. Lorenz.

Aro da artikoloj, eseetoj, ekzemploj, k.t.p. pri spiritismaj temoj. Rekomendebla nur por spiristoj aŭ interesotoj pri tiuj temoj.

MIA VIVO.—Trifon Hristovski. Sofia-Press 1981-a.

Membiografio, tradukita esperantlingve de Nikola Aleksiev, verkita en klara lingvo, li rakontas la heroan vivon de ĉi tiu bulgara patrioto. Lia vivo, pleniĝis de malfeliĉo, ĉar estante sesmonata bebo li malsaniĝis je poliomjelito; fortikiĝas la spirito de la legantoj kiuj miras pro lia abnegacio, konstanteco kaj malprofitemo en la lukto por la libereco kaj homaj rajtoj de la bulgaraj laboristoj.

J. M. R.

# NOTAS DE INTERES PARA TODOS LOS FEDERADOS

## MODIFICACIONES AL DIRECTORIO

### ALTAS

BARCELONA
2.650. Pérez Falcón, Andrés
Llull, 260 esc. izda. 5º 1 d.p. 5
2.654. Ruiz Rodríguez, Víctor
Rasos de Peguera, 7-9 3º 2.º d.p. 33

L'HOSPITALET (Barcelona)
2.658. Roca Ricart, Ramón
Rosendo Arús, 8

MANRESA (Barcelona)
2.657. Bach Casas, Ramón
Sant Joan d'en Coll 27 3º 4-a

SANTA COLOMA DE GRAMANET (Barcelona)
2.653. Armengol Arbiol, Jesús
Francisco Moragas, 95 3º 2-a

MADRID
2.659. Lelievre Paris, Georgette
La Cañada, 22 d.p. 30

COLMENAR VIEJO (Madrid)
2.655. Pérez Fernández, Jesús M.
Vascongadas, 3 3º D

VIGO
2.652. Pereira Lamelas, Concha
San José, 35

SANTA CRUZ DE TENERIFE
2.651. Goralski, Krystyna
Gral. Fanjul, 17 1º D

BILBAO
2.649. Manciles, Arancha
Mendipe Kalea, 8 6º d.p. 2

* * *

BASSIER CITY (Louisiana U.S.A.)
2.656. Maldonado, Edith
3.270 Cloverdale Place

### BAJAS

VIGO
1.918. García San Pedro, José
Canceleiro, 13.

### CAMBIOS

MADRID
2.092. Hernández Espinosa, Cristóbal
Avda. de Moratalaz, 66 esc. izda. 2º B d.p. 30
(Se traslada de ALICANTE)

PALMA DE MALLORCA
981. Jaquotot Molina, Mariano
Miguel Marqués 28 2º

TARRAGONA
811. Calvet Prats, Evelio
Mallorca, 7 6º 2-a

# SCIU KE...

En la monato Junio reaperis post longjara silento KATALUNA ESPERANTISTO, oficiala organo de K. E. A. Kun ĝi estis disdonita suplemento enhavanta la verkojn premiitajn dum la 19-aj kaj 20-aj Floraj Ludoj.

En la Bulteno de «Asociación Familiar de Vecinos de San Martín» kiu havas sian sidejon en str. Dr. Zamenhof, 17 BARCELONA aperis tri paĝa artikolo pri Esperanto verkita de S-ro Juan Solé.

Ĉiu vivanta membro de H. E. F. kiu restis fidela pli ol 40 jaroj rajtas esti membro de Veterana Esperantista Klubo (V. E. K.). Skribu nin menciante vian nomon, naskiĝjaron, E-aliĝon kan adreson.

# DEZIRAS KORESPONDI

Kun hispana junulino aŭ junulo, 25 jaraĝa instruistino. S-ino Maria Mihályi; Gábor Aron u. 24. H-5.130 JASZPATI (Hungario).

Kun hispana knabo. 17 jaraĝa lernantino. F-ino Melinda Péter: Rózsavölajn ut. 6. H-2.659 EISEKVADKEST (Hungario).

Pri popolaj kutimoj, poezio, religio, k.t.p. irana studento, 21 jaraĝa BAHRAN ESMAILIAN. Bonbast-e-Chitra nº 99, Abiverd st. Vahid-e-dastgerdi (zafar) st. TEHRAN 19.198 (R. I. Iran).

Pri geografio, inter. b. k. 26 jaraĝa komencantino; S-ino Ludmila Procházková, Dvory 55; 288 02 p. NYMBURK (Ĉeĥoslovakio).

Pri medicino, akupunturo, turismo, k.t.p. 22 jaraĝa medicina studento S-ro Herman Waldemar, ul. Jednošci Robotniczej 10/2; 67.200 GLOGOW (Pollando).

Hispana emerita muzikinstruisto, kun la tuta mondo por intersanĝo de revuoj, bultenoj, poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj. S-ro Miguel Termes de la Torre; Pedro Moragues, 9; BARCELONA-19 (Hispanujo).

Kun 15-16 jaraĝaj hispanaj esperantistoj, F-ino Noemi Dobrovics; REPCELAK: Jozsef A.U.4; 9653 Hungario.

Kun novaj esperantistoj, 50 jaraĝa instruisto, S-ro Huynh- Quoc- Dan; 1 Vo-Truong-Toan; Quan 5, TP. HO-CHI-MINH (Viet-Nam).

---

# NEKROLOGO

Laŭ ricevitaj informoj, forpasis S-ro José García San Pedro, membro de Hispana E. Federacio. Pace Ripozu.

---

**SOCIOS PROTECTORES DE H. E. F. 1982 (Continuación)**

| | | |
|---|---|---|
| 24 | José Arroyo | Nº 893 |
| 25 | Isidre Julia | 2.614 |
| 26 | Pablo Fernández | 2.617 |
| 27 | Víctor Ortíz | 619 |
| 28 | Eleuterio Moreno | 998 |
| 29 | Joaquín Domingo | 2.624 |
| 30 | Daniel Domingo | 2.625 |
| 31 | Manuel Cantera | 2.628 |
| 32 | Enrique Meseguer | 2.627 |
| 33 | Juan Martínez | 1.433 |
| 34 | José Climent | 2.438 |
| 35 | José Ivern | 2.439 |
| 36 | Alfonso Escamilla | 623 |
| 37 | José Ballbe | 1.001 |
| 38 | Dolores Martínez | 2.388 |
| 39 | Juan Azcuénaga | 1.432 |
| 40 | Joan Pinyol | 2.648 |
| 41 | José María Moreno | 2.645 |
| 42 | José Hernández | 680 |
| 43 | Grupo «Paco k. Amo» | 2.235 |
| 44 | Celestino Pousa | 1.724 |

**SOCIO VITALICIO**

Armando Cortés Nº 2.631

**DONATIVOS 1982**

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 4.100 |
| Antonio Costa | 139 |
| Víctor Ortiz | 400 |
| Juan García | 200 |
| Magdalena Clerch | 250 |
| Armando Cortés | 1.538 |
| Manuel Alcubilla | 250 |
| José Cintas | 250 |
| Faustina Martínez | 1000 |
| Antonio Gamboa | 2.500 |
| Suma y Sigue | 10.627 |

Las cuotas para 1983 no han sufrido modificación con relación a las de 1982 y son:
ABONADO .............. 750 pts.
PROTECTOR ....... 1.000 pts.
Pagando ya, contribuye a un mejor servicio para todos.

---



# 43-A HISPANA ESPERANTO-KONGRESO

## (Zaragoza 20-25 Julio 1983-a)

### PROVIZORA PROGRAMO

| | | |
|---|---|---|
| 20-an. | | Disdonado de dokumentoj |
| | 21 h. | Interkona Vespero |
| 21-an. | 9,30 h. | Kunsido de la HEF-estraro kun delegitoj de Grupoj kaj Sekcioj. |
| | 11,30 h. | Solena Malfermo. Oficiala foto |
| | 17,00 h. | Ekzamenoj |
| | 20,00 h. | Hispanlingva prelego |
| | 22,30 h. | Folklora Festo |
| 22-an. | 9,30 h. | Fakaj Kunvenoj |
| | 11,00 h. | Simpozio pri Komunikado |
| | 18,00 h. | Esperantlingva Prelego |
| | 19,30 h. | Omaĝo al la veteranoj de la Grupo «Frateco» Arta Esperanta Festo |
| 23-an. | (Junulara Tago, aranĝota de la Junulara Sekcio), krome: | |
| | 9,00 h. | Vizito al la ĉefaj artmonumentoj de la urbo |
| | 13,00 h. | Oficiala akcepto en la Urbodomo |
| | 18,00 h. | Ĝenerala Kunsido de H. E. F. |
| 24-an. | 9,00 h. | Sankta Meso |
| | 10,00 h. | Duontaga ekskurso |
| | 19,00 h. | Fermo de la Kongreso |
| | 21,30 h. | Oficiala Bankedo |
| 25-an. | | Postkongresa ekskurso al Ordesa. |